*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**





**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 28/02/2019 Kvarcentdekkvina eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Uzindaj ligoj.** *openclipart. * *reta-vortaro _*Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* * Google Translate* * Pasintaj AE eldonoj* * Duolingo * duolingo all courses * lingvohelpilo* *PMEGramatiko* * Esperanta Retradio* *Esperanta himno*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 775,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas 356,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas 308,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas 111,000 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

### N.ro 57 (La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)




En la eŭropaj lingvoj la Gramatika Objekto, (ofte nomata la Rekta Objekto), rekoneblas kutime pro AŬ la pozicio en la propozicio AŬ speciala finaĵo AŬ ambaŭ. En Esperanto ĝi rekoneblas nur pro la finaĵo "-n". Zamenhof estus povinta krei por la Gramatika Objekto specialan prepozicion kun la eblo ŝanĝi ĝin en la akuzativon. La hispana ofte uzas prepozicion. Nur kuraĝa Esperantologo povus proponi uzadi la prepozicion "je" kiel alternativon. Sed ĝis nun ni devis lerni kiuj estas transitivaj. Ni devas lerni tion ankaŭ por scii, ĉu ni povas ŝanĝi propozicion aktivan al propozicio pasiva aŭ mediala. Oni ne povas fari tion ĉe netransitivaj verboj. Ekz. eblas "Tiu parko multe vizitatas" el "Oni multe vizitas tiun parkon", sed ne eblas "Tiu parko multe promenatas" el "Oni multe promenas en tiu parko".

Cetere la finaĵo "-n" uzatas en Esperanto ankaŭ por aliaj signifoj.



*Marcel Leereveld*

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au





# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagota kafo atendos vin. La 2a de marto estos la unua sabato. *Roger Springer*



# Kiom da ĝardenoj ekzistas en Melburno ?

**VERŜAJNE CENTOJ DA MILOJ, PLEJPARTE BONE FLEGATAJ .**

(NE diru "flegitaj", ĉar tio okazis en la pasinteco nur).

## LA VALORO DE ESPERANTO .




Diversaj personoj, inkluzive de kelkaj ne-Esperantistoj, havas malsamajn ideojn pri la celoj kaj valoroj de Esperanto. Kelkaj Esperantistoj timas tion, kaj serĉas pruvojn ke Esperanto estas tia kia la kritikantoj konceptas ĝin. Mi ne apartenas al tiuj timantoj. Ekzemple ekzistas ne-Esperantistoj kiuj asertas ke lingvo ne povas esti valora afero kia la aliaj lingvoj, se ĝi ne havas propran kulturon aŭ se ĝi ne havas elnaskiĝajn parolantojn. Mi simple respondas ke mi malsamopinias, ĉar ne estas la lingvo kiu havas la kulturon aŭ la ideojn, sed la homoj, kaj ke tial bone funkcianta lingvo ne bezonas havi kulturon nek elnaskiĝajn parolantojn. Por mi, nederlandano, la angla lingvo estas ege grava kaj tre valora ĉar utila, ĉar mi loĝas en Aŭstralio, sed mi ne partoprenas en la kulturo de la aŭstralianoj kaj mi ne estas elnaskiĝa angloparolanto.

Ĉar diversaj personoj havas malsamajn opiniojn pri la valoroj de Esperanto, estas utila serĉi per la faktoj kiuj estas tiuj valoroj. Eĉ serĉante tion oni povas fari erarojn. Kaj la valoroj devas esti komunaj, por ĉiuj, ne por malgranda grupo da homoj.

Por multaj Esperantistoj la celoj por lerni kaj uzi Esperanton estas nur privataj, ne ĝeneralaj. Ekzemple oni uzas Esperanton por kolekti poŝtmarkojn, aŭ por serĉi kunulon aŭ kunulinon, aŭ por vojaĝi, aŭ por informiĝi pri certaj fremdaj komercoj, aŭ, kiel por mi, por helpi la studadon de fremdaj lingvoj. Ĉi tiuj estas nur valoretoj de Esperanto, ne valoroj kiuj aplikiĝas al ĉiuj homoj. Eĉ la celoj de la kreinto de nia lingvo ne bezonas esti ĝiaj grandaj valoroj, ĉar ekzemple la diktatoro Musolini uzis Esperanton kiel ilon.

La plej granda valoro de Esperanto estas, kion ĝi povas fari por ĉiuj homoj, do kiel ĝi povas utili al ĉiuj, se oni volas uzi ĝin. Mi opinias ke tio estas ĝia kapablo uzati por fideble traduki el unu etna lingvo al alia etna lingvo, kaj ke ĝi povas uzati por rekta ideinterŝanĝado inter Esperantoparolantoj de unu lando al Esperantoparolantoj de alia lingvo. Do mi vidas ĝian precipan valoron ke ĝi plej fideble kaj plej facile ebligas rektan aŭ interlingvan ideointerŝanĝadon inter parolantoj de malsamaj naturaj lingvoj. Se ĝi kreas pacon, aŭ se ĝi

ebligas geedziĝojn, aŭ se ĝi kreas elnaskiĝajn parolantojn, aŭ se ĝi ebligas vojaĝi, des pli bone, sed ĝia unua kaj por ĉiuj aplikebla valoro estas ĝia funkcio kiel fidebla interlingvo.

*Marcel Leereveld*.

**ALIA PROMENADO EN PARTICIPUJO .**

(NE diru "participio" , ĉar tio signifas "io participa").

En la angla lingvo ni ofte renkontas verbon kun la finaĵo "*-ing*". Oni nomas tian verbon "prezenca participo (aŭ imperfekta participo, aŭ daŭra participo)". Jen ekzemploj: *The Dutchman is FLYING; the FLYING Dutchman; FLYING his plane, the Dutchman arrived.* En tiuj kazoj la vorto "*flying*" nomatas Prezenca Participo, kun la distingaj nomoj "predikative (adjektive) uzata", kaj "epitete (adjektive) uzata" kaj "adverbe uzata". La precipa gramatika nomo por tiuj restas "Prezenca Participo".

En la angla oni kelkfoje uzas la formon de la Prezenca Participo kiel substantivon, ekz. *The PLAYING of the child.* Oni havas specialan gramatikan nomon por tia substantivo, nome "*gerund*", ĝerundo . Oni ne povas diri ke ĝi estas participo, ĉar participo estas verbo; oni povas diri nur ke ĝi estas "el participo farita substantivo". Ĝi estas kaj restas kaj nomatas substantivo. KAJ NUR ĈAR LA GRAMATIKA FUNKCIO DE LA VORTO ŜANĜIĜIS. En eŭropaj lingvoj kaj en Esperanto estas kutima, ke kiam la funkcio de vorto ŝanĝiĝas, ankaŭ ĝia gramatika nomo ŝanĝiĝas. Eĉ se la formo restas la sama. Tiel "*the RETURNING of the artist*" neniam povas nomati simple "present participle", Prezenca Participo, EĈ SE ĜI ESTAS SUBSTANTIVO PRO LA KUNESTO KUN LA VORTO "*THE*". Same la Pasinteca Participo "*sent*" ne povas nomati "*Past Participle*" en "*The letter will be sent at nine o'clock*", La letero forsendatos je la naŭa, ĉar ĝi neniel indikas pasintan tempon, ja la pasiva ago okazas komplete en la futuro. Malgraŭ la fakto, ke la forsendado okazos en la estonteco nur pro la kunesto de la vorto "*sent*" kun la esprimo "*at nine o'clock*".

Do ĉar la funkcio de "*sent*" en tiu frazo estas nur pasiva kaj neniel tempa, do ke la funkcio ŝanĝiĝis, ni devas nomi tiun vorton "pasiva participo", same kiel ni devas la vorton "*playing*" en "*the playing of the child*" nomi SUBSTANTIVO.

Sekve en certaj kazoj la eŭropaj lingvoj havas Pasivan Participon en la formo de Pasinta Participo. La formo ne donas la gramatikan nomon al vorto, sed la funkcio donas ĝin al vorto. Do plej multaj eŭropaj lingvoj havas tri specojn de participo: la prezenca, la pasinta, kaj la pasiva participoj.

La problemo pri la gramatikaj nomoj de participoj en la etnaj lingvoj parte kaŭzatas de du strangaj, se ne malĝustaj, ideoj en la gramatika klarigado ate de la eŭropaj lingvistoj. Unue ili diras, ke vorto povas samtempe esti en du malsamaj gramatikaj kategorioj, nome kiel verbo kaj substantivo aŭ kiel verbo kaj adjektivo, aŭ kiel pasinta participo kaj samtempe sentempa participo. Tia eŭropa klarigado okazas i.a. ĉe la prezenca participo kie samtempe verbo estas substantivo, kaj ĉe la pasiva participo kiu povus havi tempan signifon kaj samtempe sentempan signifon. La dua stranga koncepto estas, ke ĉe (nur) kelkaj kombinaĵoj de verboj la du vortoj funkcias kiel unu vorto kaj tial ne havas individuan funkcion nek nomon. Ekzemple

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

ke en KAJ "*has sent*" KAJ "*was sent*" la du vortoj ne plu havas sian individuan funkcion kaj do ankaŭ ne havu individuan nomon gramatikan. Ili diras ke la vorto "*sent*" estas pasiva nur kun "estas" kaj aktiva nur kun "havas". En tiu kazo oni devus diri ankaŭ, ke "*work*" en "*the work*" estas substantivo nur ĉar ĝin akompanas "*the*" kaj verbo nur ĉar ĝin akompanas "*to*". Tio ne estas vera: "*work*" estas substantivo unue (ankaŭ en la vortaroj eŭropaj) kaj rekoneblas tiel nur pro "*the*", same kiel alia vorto "*work*" estas jam verbo kaj rekoneblas pro la aldonita "*to*". La samo estas la kazo ĉe "*sent*": jam ekzistas (kaj historie ekzistis) la sentempa pasiva participo "*sent*", kiu rekoneblas kiel tia per la aldonita "*is*" (en siaj diversaj formoj), kaj ekzistas la pasinteca participo "*sent*" kiu rekoneblas per la aldonita "*has*". En ambaŭ kazoj la rezulta signifo okazas dum ĉiu el la du vortoj "*is sent*" kaj "*has sent*" tenas sian signifon kiel parton de la fina signifo. "*Is* " k.t.p. signifas ke temas pri ago en la prezenco kaj "*sent*" signifas ke temas pri pasiva ago, dum "*has*" signifas ke la ago indikas prezencan staton kaj "*sent*" signifas ke la ago estas aktiva kaj estas pasinta. Tio estas la nunaj stato kaj signifo, kvankam en la longa pasinteco "*sent*" estis sentempa objektpredikativa pasiva participo.

En Esperanto la afero statas alie: ĝi ne havas verbajn participojn, nur adjektivajn participojn, kiuj indikas la tri statojn (perfektan, daŭran, kaj prediktan) en la du voĉoj, do per ses diversaj adjektivaj sufiksoj. Konsekvence la gramatikaj tempoj ne ĉiam samas al la etnaj: "*The letter WILL be receivED*" = "La letero estOS ricevATa (malsama), sed "*We WILL receivE* = Ni estos ricevANTAJ la leteron (sama), kvankam la diferenco estas nur ŝajna (pro la miskompreno ate de la eŭropaj, kaj do ankaŭ Esperantaj, lingvistoj.

. *Marcel Leereveld*



# Esperanto-Kulturo kaj Denaskaj Esperantistoj

Kara Roger,

lastatempe mi pli kaj pli ricevas informojn, kiuj tuŝas la temon denaskuloj.

Nu la lastan (de medicinistoj en Budapeŝto) mi plusendas al vi (kune kun la tuta vosto).

Eble tiam sufiĉu pri la temo. Tamen: se miaj retleteroj enuigas aŭ alimaniere ĝenas vin: sincere indiku tion!

Por mi gravas la enhavo de la temo, sed eble ne same al aliaj homoj. sendis *Utho Maier*

Karaj Geamikoj!

La apero de denaskaj esperantistoj en diversnaciaj familioj estas **neevitebla.** Tamen – laŭ mia opinio – ne estas saĝe fanfaroni pri la ekzisto de la denaskaj esperantistoj. Ili ja estas, kaj ĉiam estos en **avantaĝa situacio** kontraŭ tiuj, kiuj lernas Esperanton nur en la infanĝardenoj kaj lernejoj. **Ni ja luktas por la lingva egalrajteco!**... La denaskaj esperantistoj ĝuas kaj ĝuos la saman avantaĝon, kiun ĝuas la infanoj, kies gepatra lingvo estas nun la angla. Nia Budapeŝta Medicina Esperanto-Fakgrupo ekde jardekoj akcentas, kiel unu el la ĉefaj celoj, ke **Esperanto estu la unue lernenda fremda lingvo kaj kapabloevoluiga**

**lernobjekto** en la bazgradaj lernejoj, ekde la 3-a klaso, kiam la gepatralingvaj kapabloj jam firmiĝis. Esperanto diversgrade povas plifaciligi la lernadon de fremdaj, naciaj lingvoj. Povus okazi, ke eĉ la kontraŭuloj de Esperanto akceptus ĝin kiel kapabloevoluigan lernobjekton. Ni ne forgesu, ke – ĝenerale – ĉiu lernanto havas du gepatrojn kaj kvar geavojn. Iom post iom ankaŭ ili povus disvatigi la bonan famon de nia kara lingvo.

La vortoj „artefarita" kaj „sennacieca" rekte forpuŝas multajn homojn, ĉar ili simple ne povas imagi, ke lingvo povas esti artefarita, kaj ili ne ŝatus, se ilia nacio ĉesus ekzisti.

Same la uzado de la kvinpinta, verda stelo povas aperigi malamikajn sentojn, ĉar multaj homoj pensas, ke ĝi estas simbolo de ia islama ŝtato. Por multaj homoj mem la kvinpinta stelo simbolas imperiisman strebadon, ne parolante pri la kolorblinduloj, por kiuj la ruĝa kaj la verda koloroj simple ne estas diferencigeblaj.

Pardonon, se mi – nevole – ofendis iun per miaj frazoj… ☺

Multsalute *Ludoviko Molnár*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO**
Kunvenas la duan sabaton ĉiumonate,
13.30 ĝis 16.00 horo, ĉambro 1.9
Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.
Vizitantoj estas bonvenaj

BES heredis kelkajn librojn de la Jack McBride postlasaĵo.



*Peter Danzer*




★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



**3ZZZ** en la elsendo de la 25a de februaro audeblas vigla intervjuo, pri diversaj temoj, de Sandor Horvath farita de Heather Heldzingen. *Franciska Toubale*








# Esperanto-domo, Sidnejo.

## Plurtaga laborkunveno por la Arĥivo

### Propono okazigi plurtagan laborkunvenon

Je la 25 Feb 2019, 22:27, Jonathan Cooper <drdada@gmail.com> :

Karaj amikoj,

Kiel iuj el vi jam scias, ekzistas propono okazigi plurtagan laborkunvenon (multi-day working bee) por aranĝi la aŭstralian arĥivon en Esperanto-Domo. La taskon komencis Huigh Malcolm antaŭ kelkaj jaroj, kaj volontulo (Riccardo Obletter, itala arĥivisto) iom helpis antaŭ unu jaro, tamen la arĥivo ankoraŭ estas iom ĥaosa.

Kiel diras la aforismo, "multaj manoj faras laboron malpeza". Pli grave, ni *kune* havas multe da informo pri la historio de la Esperanto-movado en Aŭstralio, do povos pli bone decidi kien meti dokumentojn kaj aliajn objektojn.

La plano estas, ke la laborkunveno okazu dum 2 aŭ 3 tagoj inter Pasko kaj Anzaka Tago, provizore de lundo, la 22-a de aprilo ĝis merkredo, la 24-a. Tamen, la datoj eble ŝanĝiĝos se sufiĉe da helpantoj nur povos partopreni aliajn datojn. Estas ankaŭ ideo, ankaŭ okazigi ian ekskurson en Sidnejo.

Pri loĝado: mi provizore mendis la gastĉambron de E-Domo de la dimanĉo ĝis la ĵaŭdo, sed ĝi nur taŭgus por ĝis 3 homoj (samseksaj). Mi ankaŭ proponas ĉambron en mia domo, tamen mi bedaŭrinde loĝas for de Sidnejo (la veturo per publika transporto daŭras dum 2 horoj, pord-al-porde). Eble aliaj sidnejaj esperantistoj proponos siajn domojn?

Do, kion vi opinias?...

- Ĉu vi povos iel ajn partopreni?
- Se jes, dum kiuj tagoj?
- Ĉu vi bezonos loĝadon? (Se vi loĝas proksime al Sidnejo, ĉu vi proponus *vian* domon?)
- Ĉu ia ekskurso interesas vin?
- Ĉu vi havas komentojn aŭ sugestojn? (Ekz-e, ke mi kontaktu ankaŭ alia(j)n esperantisto(j)n.)

Se eblos, bonvolu respondi antaŭ dimanĉo (kiam okazos la estrarkunveno de la E-Federacio de NSK), aŭ *prefere* antaŭ ĵaŭdo-vespero (kiam okazos la estrarkunveno de AEA). Multe dankon.

Amike, *Jonathan Cooper*



# Pensoj pri justice, ktp

La 26-an de februaro la novaĵoj en la televido estis plenŝtopitaj de - ne ekzakte mensogoj, sed tamen per malamaj rimarkigoj pri tre simpatia homo nomita Dell. Li estas, aŭ ĉu nun mi devas diri "estis" episkopo en la Romkatolika eklezio. Nu tre konata fakto de tiu eklezio estas ja, ke

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

pastoroj ktp. tute ne rajtas edziĝi, kiu ja prezentas iujn problemojn, la sekvojn de kiuj ni ĉiuj vidis rigardante la televidon dum la vespero de la 26-a de februaro, ĉu ne? Nun multaj homoj, ne nur la kunlaborantoj kun la novaĵburooj ktp., sed sendube ankaŭ multaj aliaj, ekz. membroj de aliaj eklezioj ktp. ĝojas, jes eĉ ĝojegas, por tiu ĉi eraro publikigita de la televido.

Sed se la estroj regantaj la Romkatolikan Eklezion, estus estintaj almenaŭ iomete pli homamaj kaj komprenantaj la bezonojn de la homa horpo, mi supozas, ke ĉio estus hodiaŭ io alia. La homa korpo bezonas certan ion. Inter aliaj nutraĵon. Sed estas konate, ke eĉ en la Romkatolikaj Biblioj estas skribite ke ni tute ne rajtas forpreni de iu ajn la vivon. Tio ja signifas, ke ni ne rajtas mortigi iun ajn. Estas ankaŭ konate, ke ĉiuj vivantaj estuloj sur la Tero estas la infanoj de Dio. Do, ni ĉiuj estas gefratoj. Mi ne dubas, mi estas certa, ke al Dio tute ne plaĉas ke iuj el ni prenas sur sin la rajton ignori la de Dio ordonon, ke neniu el ni rajtas mortigi Liajn infanojn.

Sed ŝajnas, ke nun la plimultaj el la homamasoj kun ĝojo prenas la okazon kulpigi kaj elmontri sian malamon al la Romkatolika Eklezio. Se tiuj, kiuj regas la Eklezion permesus al siaj pastroj kaj similaj personoj la rajton edziĝi, tiu ĉi kompatbezona homo ne estus konsiderata krimulo hodiaŭ!

Kaj tiuj, kiuj akuzis lin, pardonu, tiuj, kiuj juĝis lin, laŭ mia opinio tute ne uzis sian cerbon sufiĉe bone. Kiom ofte ili enkarcerigis senkulpulon 30 jarojn, aŭ eĉ pli, pro krimo, kiun tiu neniam faris? Tio okazis kaj ankoraŭ okazas tro ofte. Kio okazas al tiu "krimulo"? La krimo enkarcerigi senkulpulojn pro io, kion li aŭ ŝi neniam faris? Tro ofte, ĉu ne? Oni legas en la gazetaro, aŭ vidas en la televido, ke la vero estis malkovrita post la unuaj kvin jaroj de 30-jara puno. Do, la senkulpulo estis liberigita, li ne ricevas iom da mono, eĉ ne pardonon, li estas ja ne membro de la aro da politikistoj, kiuj sidas solvante krucvortenigmojn dum la kunveno, eĉ kiam la televidkameraoj fotografas ilin!

Kaj nun, post tiu ĉi plej verŝajna krimo kontraŭ Pell, ni pensu pri io alia. Ni do ĉiuj povas konsenti, ĉu ne? ke estas krimo kontraŭ la homaro mortigi kiun ajn el ili. Estas ankaŭ krimo detrui iliajn loĝeĵojn, iliajn malsanulejojn, iliajn lernejojn, iliajn laborejojn ktp., ktp., ktp. Sed tion oni ja faras kaj ne estos punataj pro tio. Tiuj, kiuj krimas kaj estas respondeblaj pro la teruraj krimoj ne estos punataj, almenaŭ ne de iuj el ni homoj. Mi ne scias la punon, kiun ili meritas, sed mi estas certa, ke la plej alta kaj kapabla Juĝisto fine ekzamenos liajn krimojn kaj decidos la plej bonan punon por ke la kriminto povu lerni neniam plu ripeti tiun kruelaĵon. Sendube li konsideris sin mem tute senkulpa, ĉu ne? ĉar li ja mem ne surmetis la hontindan uniformon, sed restis hejme sekure ĉirkaŭata de aliaj homoj, kiuj devis riski siajn vivojn por protekti lin, la veran krimulon!

Post la fino de la milito, oni fordonadas senvalorajn pecojn de ŝtofo simbolantajn heroecon kaj laboron por gajni militon, la krimon, kiu neniam devus esti okazinta! Kaj oni tuj instruas al siaj infanoj, ke iliaj patroj estis imitindaj herooj! Komprenu tion, kiu povas !!! Mi certas, ke ne nur mi, sed ankaŭ Pell ŝatus vidi finon de tiuj de la politikistoj amataj militoj. Plej amike, *Bob Felby*



***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***